2.ª Ep. AÑO XI N.º 59 (195) ENERO - FEBRERO 1973




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID KONGRESURBO POR 1973

Granda Placo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-8

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.°-D
MADRID-17

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-8

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-8

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de Secretaría

### DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Saldo anterior* ... | 140.500 | ptas. |
| Carmelo Ezquerra | 1.000 | " |
| Conrado Berghänel | 1.000 | " |
| Fernando de la Torre Rodríguez ............... | 5.000 | " |
| Gerardo Flores Martín . | 5.000 | " |
| Antonio Gamboa y Sánchez ............................ | 500 | " |
| | 153.000 | " |

Madrid, 20 de enero de 1973.

*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

### DUMVIVAJ MEMBROJ DE H.E.F.

N.° 7. — Ramón Molera Pedrals.
N.° 8. — Clementina Tranque Iglesias.
N.° 9. — Salvador Oliván Hernando.

## deziras korespondi

HISPANUJO. — Agramunt (Lérida), str. Castillo, 25. S-ro Jorge Argelich, 26 jaraĝa, deziras korespondi pri Geologio —fosilioj— kun gesamideanoj el diversaj landoj.

NOV-ZELANDO. — Napier, 69.ª Barker Road, Marewa. F-ino Marcia Browre, studentino 15 jaraĝa, deziras korespondi kun samaĝa hispana esperantist(in)o.

NEDERLANDO. — Eindhoven, Leuvenlaan 62, S-ro F. v. Wegen, 58 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

NEDERLANDO. — Krommenie/Assendelft, Dorpsstraat 843, Sekcio Korespondo. Esperanto Klubo "Unueco". Grupo da geklubanoj de 14 ĝis 43 jaraĝaj deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj. Ankaŭ deziras korespondi grupo da geknaboj, komencantaj lernantoj de Esperanto en la sama Klubo.

KOREUJO. — 177 Bong San-Dong, Jung Gu, Dae Gu, 630 10. S-ro Zo Choing ko, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

# REMEMOROJ PRI MADRID, ANTAŬ LA XXXIII[a] HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Strato kaj Pordego "Alcalá"

Mi ofte rememoras tiujn malfacilajn kvardekajn jarojn kiam mi vizitis unuafoje nian ĉefurbon. Mia memoro reiras al la lokoj kiuj pro la proksimeco al la hejmo de mia onklo, estis por mi videblaj preskaŭ ĉiutage: Placoj "Mayor" kaj de la "Cebada", stratoj "Toledo" kaj "Ribera de Curtidores", "Cascorro", "Lavapiés"..., lokoj, kie la tipa madrida esenco ankoraŭ konserviĝis freŝa kaj spontanea. Ĉarma placo "Mayor" sub kies portikoj, je tiu varma aŭgusto, pululis kolorvaria personaro, el kiu soldatoj, hejmhelpantinoj, vilaĝanoj kaj akvovendistinoj estis plej rimarkeblaj. Ĉi-lastaj, kiam sub angula arkaĵo malnova tramo aperis ĉirpante, kuregis por oferti ĉe la haltejo la riĉan enhavon de siaj "botijos" (akvujoj): "Aguaaa, agüita frescaaaa... (akvooo, freŝa akvooo...), kiu avideme estis trinkata de la soifantaj vojaĝantoj per tiu karakteriza maniero, kiu tenas la akvujon super la kapo.

Neforgesebla ankaŭ la tipa domo, kie miaj geonkloj loĝis: Simpla faŝado. Interna, vasta korto ĉirkaŭata de kvaretaĝa galerio kies verando aperis ornamata plejparte de florpotoj kaj vestpendejoj, kiuj evidentigis la ne tro alta vivnivelo de la loĝantoj. Ĉiuj loĝejoj havis mallarĝan pordon kaj fenestreton al la galerio kaj ne estas necese rimarki ke la hejmaj eventoj kaj bruoj havis facilan resonon en la tuta domo. Familiaj disputoj, admonoj al la infanoj, ĉiaspecaj muzikoj kaj elparoloj de la radioaparatoj, la kudromaŝino de la tajloro... nur dum la siesta horo regis peza, solena silento.

Diskretemo kaj silentemo ne estis najbaraj virtoj, sed la plej multaj najbaroj estis simpatiaj kaj sindonemaj. Mia onklino, la sola aragonanino en la domo, vekis ĝeneralan estimon kaj ŝiaj florpotoj, —la plej ameme zorgataj—, estis konataj ironie kaj iomete envieme kiel la BOTANIKA ĜARDENO.

Dimanĉojn matene, ni iris al "Rastro". Mi tre ŝatis enmiksi min en la bruema, densa medio de tiu miriga, surstrata zono kie la "picaresca", (hispana socia klaso kiu intencis travivi laborante plej malmulte kaj eĉ trompante al bonula aŭ mallerta homo), havis sufiĉe grandan feŭdon. Tie, oni vendas ĉion: Ĉu la intiman kalzonon, kiun vi kunportis sabate, ĉu mezepokan pentraĵon, kiu antaŭ kelkajn monatojn ornamis altaron en malproksima ermitejo. Pajlan matracon, fleksitan, malpuran najlon. Specialan tonstilon por azenoj... ĉio, ĉio, ĉio aperas mi-

rakle sur la strato aŭ la trotuaro. Komprenenble, neniam ni trovis submaran ŝipon, sed mi estas certa ke se mi estus demandinta pri ĝi, la prezo entenus la koston de la vojaĝo ĝis Cartagena.

---

De post tiaj jam malproksimaj jaroj ree mi vojaĝis al Madrido, ĉu pro familiaj okazaĵoj, ĉu pro profesiaj aferoj. La urbo kreskis rapidege kaj, pli kaj pli etendiĝis. Madrido ne povis eviti la internacian kulton al La Aŭtomobilo; "La Plej Alta Konstruaĵo" kaj "La Plej Granda Domo". Ĝi moderniĝis. Miaj geonkloj forlasis la antikvan loĝejon kaj nun ili posedas komfortan hejmeton en nova proksima kvartalo. Ankoraŭ ni tre ŝatas promenadi tra la urbo. Ĉiam ni malkovras ion novan kaj belan. Ĉu vi promenadis sur la longa trotuaro de "Rosales" vide al la ĉarma parko kiu etendiĝas je viaj piedoj? Ĉu vi p[illegible] la placo de "Oriente" kaj [illegible] enirис en la vastan [illegible] de la Palaco? Je via vido la [illegible] Manzanares kies bordojn ornam[illegible] la foliaro de la arboj, pli [illegible], la pinaro de la "Casa de [illegible]" en la horizonto la kastili[illegible] kaj kamparo. La blua, bluega [illegible] la ĉielo malheliĝas iom post iom kaj vi aŭdas, vi sentas la tremon de la trafiko, la surdan zumon de la urbego...

Morgaŭ ni iros ĝis la "Gran Vía" kaj ni promenos inter la altaj, pompaj domoj. Ni alvenos ĝis "Cibeles" kaj "Puerta de Alcalá". Dekstre la freŝa, bonodora parko invitas nin al pli longa promenado. Ni rigardados naive, la boatojn sur la lageto. Ĉirkaŭ la parko la urbo tremas kaj vigle vivas, penas kaj laboras...

*Emilio Pérez*

---

## NI GRATULAS



***Ana María Ferrer Hervás***
**(hispanino)**

***Janez Zadravec***
**(jugoslavo)**

Kvankam en lasta numero de BOLETIN, ni jam informis vin pri la geedziĝo de tiu internacia paro, volonte ni aperigas ĉi tiun foton, en kiu la juĝisto de La Laguna (Tenerife), gratulas la novajn geedzojn, post la ceremonio.

---

Pasintan 7-an de Oktobro 1972, en la Kapelo de la Piaj Lernejoj de Balaguer (Lérida), Lia Episkopa Moŝto de Urgel ordinis Pastron de la Ordeno de Piaj Lernejoj al nia samideano Ignacio Peguera. La sekvantan tagon, la nova Pastro diris por la unua fojo la Meson, kiun partoprenis multaj geamikoj, inter ili ankaŭ esperantistoj.

Kore ni gratulas kaj deziras ĉian bonon al Pastro Ignacio Peguera Sch. P.

---

Ankaŭ ni kore gratulas al Esperanza Fenolbe kaj José Barbero, membroj de la Esperanto-Grupo de Cullera (Valencia), kiuj geedziĝis la 6-an de Septembro 1972.

## FUNDACION «ESPERANTO»

*CONCURSO*

De acuerdo con las bases establecidas para la adjudicación del

### PREMIO «CASANOVAS-FERRANDIZ»

de la Fundación ESPERANTO, el Patronato de la Fundación ha acordado adjudicar dicho Premio a D. Eleuterio Moreno García, de Málaga, cuya desinteresada y eficaz labor en pro de la enseñanza del Esperanto le hacen acreedor al mismo.

Zaragoza a 15 de diciembre de 1972.

Firmado: *Inés Gastón*
Secretaria del Patronato
de la Fundación ESPERANTO
y del Concurso

## FUNDACION «ESPERANTO»



Cuatro nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación, estos son los siguientes: D. Eleuterio Moreno García, de Málaga, 5.000 ptas.; D. Gerardo Flores Martín, de Madrid, 4.000 ptas.; X. X., de Zaragoza, 5.000 ptas.; Emilia Gastón, de Zaragoza, 250 ptas. Total: 14.250 ptas.

## XXXIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

20 - 24 de Julio de 1973 **MADRID**

### COMITE LOCAL ORGANIZADOR

| | |
|---|---|
| Presidente: | Angel Figuerola Auque |
| Vicepresidente: | Félix Díez Mateo |
| Vicepresidente: | Santos Pérez Arranz |
| Secretaria: | Francisca Iruegas García |
| Tesorero: | Félix Gómez Martín |
| Vocal: | Arquímedes Ballester Vaquero |
| Vocal: | Juan Ciscar Berto |
| Vocal: | Héctor Luciano Figuerola Palomo |
| Vocal: | Angel Gansó Menéndez |
| Vocal: | Gonzalo García Alvaro |



## RAFAEL VIZCAINO OLCINA

La 3-an de Januaro forpasis en Valencia, kie li loĝis, unu el la plej elstaraj esperantistoj de tiu urbo, S-ro Rafael Vizcaino Olcina.

Vera pioniro de Esperanto, S-ro Vizcaino multe laboradis por propagandi la Internacian Lingvon. Lia esperantista aktiveco estis ĉefe dediĉita al la instrua kampo; multajn kursojn de Esperanto li klarigis en diversaj kulturaj societoj kaj en la Universitato de Valencia.

Multajn Kongresojn, same naciajn kiel internaciajn partoprenis nia estimata forpasinto, tial li estis tre konata kaj amata de la hispanaj esperantistoj kaj ankaŭ eksterlande, kie li havis multajn geamikojn.

Kvankam pro sia aĝo kaj sanstato, S-ro Vizcaino lastatempe ne aktivis regule en la movado, la Grupo Esperantista de Valencia perdis per lia morto unu el siaj plej elstaraj aktivistoj; ĉar vera kavaliro de nia nobla idealo, ĝis la fino li laboris en la disvastigo de la Internacia Lingvo.

PACAN RIPOZON AL LI!

Por la familio kaj por la Grupo Esperantista de Valencia nian sinceran kondolencon.

## RAMON HERRERO ARROYO

Post dutaga kaj neatendita malsano, la 9-an de Januaro forpasis —ankaŭ en Valencia— S-ro Ramón Herrero Arroyo.

Ĉar nenio antaŭvidigis la morton de S-ro Herrero, ĝi forte kortuŝis ĉiujn personojn, kiuj lin konis.

LI PACE RIPOZU!

Por lia familio kaj speciale por lia frato, nia kara samideano kaj amiko, Honora Prezidanto de H.E.F., Rafael Herrero Arroyo nian sinceran kondolencon.

## BENITO LOSADA

Mortis en Venezuela S-ro Benito Losada, pioniro de la Esperanto-movado en sia lando. Li lernis Esperanton aŭtodidakte kaj en 1912, li fondis la unuan Esperanto-societon en Venezuela.

S-ro Losada estis tre konata de hispanaj esperantistoj, inter kiuj li havis tre bonajn geamikojn.

Malgraŭ sia alta aĝo, S-ro Losada aktivis en la Esperanto-movado ĝis sia morto.

PACAN RIPOZON AL LI!



## MARTIN BUSCATO GEBRAT

Kun profunda bedaŭro ni devas informi pri la subita forpaso de nia samideano kaj amiko S-ro Martín Buscató Gebrat, malnova esperantisto kiu dediĉis siajn energion kaj kapablon al la disvastigo de Esperanto.

Vera pioniro de nia movado, senlaca paca batalanto, nia kara forpasinto senĉese laboradis en la propagando kaj instruado de la Internacia Lingvo. Li estis unu el la plej elstaraj aktivuloj de la Esperanto-movado en Barcelona, kie multajn kursojn li gvidis: en "Academia COTS"; en esperantaj societoj "Aŭroro", "Stelo de Paco", "Instituto de Esperanto de Barcelona", kaj en "Club de Amigos de la UNESCO". Dum sia ĉeesto en Buenos Aires (Argentina), li starigis kurson de Esperanto en "Kataluna Grupo", kaj en la unua tempo de sia esperantistiĝo li fondis Esperanto-Grupon en Rosas.

Krom en la Provincaj Renkontiĝoj, li partoprenis en multaj Kongresoj same naciaj kiel internaciaj, pro kio li estis tre konata de tutmondaj esperantistoj. La afableco kaj simpatio de S-ro Buscató faris el li la amikon de ĉiuj.

Por lia familio, speciale por lia edzino, S-ino Rosa Cufí, nian sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI!

## 25ª JUBILEA KONGRESO DE I. F. E. F.

De la 12-a ĝis la 18-a de majo 1973, organizita de I.F.E.F., okazos en Aarhus (Danlando) la Jubilea Kongreso de I.F.E.F.; ĉar la ĉijara Kongreso estos Jubilea ni esperas pli grandan partoprenon ol en pasintaj kongresoj.

Konstanta adreso: 25-a I.F.E.F.-Kongreso, DK-8000 Aarhus C, Assensgade 18, Danlando.

En Hispanujo petu informojn de:

Rafael Devís Pascual, str. Sicilia, 264, esc. 2, 3.º C. Barcelona - 13.

Enrique Pérez Estévez, Sarría, 30, zona 17, Madrid - 20.

### DONATIVOS PARA BOLETIN - 1973

| | | |
|---|---|---|
| Antonio Ribeiro da Cruz (Portugal) | 50,— | ptas. |
| Francisco Crespo (Zamora) | 150,— | » |
| Juan Sala Campamá (Sabadell) | 200,— | » |
| Maurice Henry (Francia) | 60,— | » |
| Santiago Manrique (Barcelona) | 50,— | » |
| Francisco Pérez Callejón (Suiza) | 50,— | » |
| | 560,— | » |

## *29ª INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE T. E. J. O.*

Okazonta en Sarajevo de la 21.ª ĝis la 27.ª 7. 1973

Adreso de la L.K.K.:

29.ª I.J.K., YU-71000 Sarajevo, V. Pelagiĉa 8/1, Jugoslavio.



El día 16 de enero de 1973, quedó constituido el Grupo Esperantista Vigués "Paco kaj Amo".

A tal efecto, en dicho día se reunieron los esperantistas de Vigo en el Círculo Cultural Mercantil e Industrial de dicha ciudad para celebrar Junta General Extraordinaria, durante la cual, quedó constituido el Grupo y nombrada su Junta Directiva, que la forman los siguientes señores:

Presidente de Honor a perpetuidad: D. Camilo Veiga Prego.
Presidente: D. Arturo Moreira Lorenzo.
Vicepresidente: D. Julio Bueno Cortés.
Secretario: D. José Carlos Quintas Montero.
Vicesecretario: Srta. M.ª Elvira Marta Alvarez Iglesias.
Tesorero: D. Celestino Pousa Veloso.
Vicetesorero: D. Francisco Martínez Iglesias.
Vocales: D. Jaime Canoa González, Srta. M.ª del Pilar Montenegro Sanjurjo, Srta. Amelia Salgado González y D. Emilio Freitas Vidal.

D. Camilo Veiga Prego, Presidente de Honor, por acuerdo tomado y hecho público con motivo de la clausura del XXXII Congreso Español de Esperanto, agradeció a los esperantistas vigueses el honor que le dispensaban y asimismo hizo un elogio de todos los esperantistas, agradeciendo en especial a aquellos Grupos que han tenido la amabilidad de acordarse de él.

---

Nuestra felicitación para los esperantistas de Vigo, y nuestros mejores deseos para que su labor en el recién fundado Grupo se vea coronada por el éxito, cosa que no dudamos después de haber asistido al XXXII Congreso Español de Esperanto que tan brillantemente organizaron.

*Red.*

Grupo Esperantista Vigués "Paco kaj Amo", str. Príncipe, n.º 44, 5.º (C. Mercantil) VIGO (Pontevedra).

---

# TUTMONDA LIRIKO

*LUDWIG UHLAND (1787-1862) estis germana poeto, majstra aŭtoro de baladoj penetritaj de spirito nacia kaj de Mezepoka etoso sub la influo de la antikva poezio germana kaj de la hispana romancaro.*
*Kelkaj el liaj poemoj estas tiel popularaj en Germanujo kiel la baladoj de liaj grandaj antaŭintoj Goethe kaj Schiller. En la kampo de la germana beletro, Uhland lasis personan kaj daŭran spuron.*
*Unu el liaj plej konataj baladoj,* Die Rache *(La venĝo) temas, en drama, sobra maniero ŝarĝita per simboloj, pri la eterna duopo: krimo kaj puno.*

## LA VENĜO

Sian moŝton murdis servo-vir'.
Mem li volis esti kavalir'.

Sub la frondoj li ponardis lin,
la kadavron puŝis al Rejn-sin'.

Sin vestinte per la brila ŝtal',
fuĝis li sur la nobel-ĉeval'.

Ĉe la ponto haltis la stalon',
baŭmis, retropaŝis en opon'.

L' oraj spronoj pikis kun koler',
la ĉeval' lin ĵetis al river'.

Krurojn, brakojn svingis li sen ĉes',
sed li sinkis pro l' kirasa pez'.

El la germana:
*F. de Diego*

*Vâtjo RAKOVSKI*
*— bulgara poeto —*

## SED HEJMEN VI IRAS

Ekestas la hor' de mirakloj sur ter'.
Balkano[1] al blua ĉielo aspiras.
La nokto soifas pri via tener' —
sed hejmen vi iras.

Por dormi vestaĵon formetas la vit',
per fingroj maldikaj blu-lun' ĝin admiras
kaj vent' vian nomon murmuras laŭ rit' —
sed hejmen vi iras.

Etendas trembranĉojn l'arbaro al vi
kaj frazon plej belan elekte eldiras,
ke ĝi vin atingu, haltigi vin per ĝi —
sed hejmen vi iras.

De arbaj folioj — gutad' en sonor'.
Kaj kiam aŭror' la fenestron trairas,
paperen ektremis ĉi guto de l' kor' —
sed hejmen vi iras.

El bulgara trad.: *Canko MURGIN*

---

[1] Balkano estas montĉeno en Bulgarujo.

# 15ª CONVENCION CATALANA DE ESPERANTO

**Domingo 27 de mayo de 1973** * **CALELLA DE LA COSTA (Barcelona)**

## FIESTAS DE PRIMAVERA

*PROGRAMA PROVISIONAL*

**A las 9,30.** En el Colegio de los PADRES ESCOLAPIOS, calle Jubara, 39, recepción de los participantes por los miembros del Grupo Local y entrega de la documentación.

**10,30.** En la Iglesia de los Santos Reyes del Colegio, MISA y homilía en Esperanto. Concelebrarán los PP. José M.ª Claramunt e Ignacio Peguera, escolapios; Manuel Casanoves, claretiano; Ignacio Herrero, agustino, y José Miguel Armelles, salesiano.
El coro de "Els petits cantaires de l'Escola Pía" tendrá a su cargo las partes cantadas de la Misa.

**11,30.** Inauguración de la EXPOSICION DE ESPERANTO, en los salones del Colegio, con material de la exposición volante de los Ferroviarios Alemanes y aportaciones de Grupos de la región.

**12,—.** Interesante CONFERENCIA, en el Salón de Actos del Colegio, sobre EL IDIOMA AUXILIAR INTERNACIONAL, para el público no esperantista, a cargo del Sr. Luis M.ª Hernández Izal, farmacéutico y propietario del Museo Español de Esperanto, de San Pablo de Ordal.
Representación teatral de "VERDA AŬ NIGRA", original de Estanislao Torres y adaptado al Esperanto por Liberto Puig, por la "Junulara Trupo" del Centro de Esperanto de Sabadell.
Breve sesión de CINE en Esperanto.
Concurso de cantos en Esperanto. Premios a los participantes.

**14,—.** Recepción en el Ayuntamiento.

**14,30.** Comida de hermandad en un Hotel de la ciudad.

---

Por la tarde, visita libre al Paseo Marítimo y Parque de la ciudad. Asistencia a los actos indicados en el programa oficial de fiestas.

**NOTA:** En el Colegio de las Escuelas Pías, habrá el tradicional servicio de LIBRERIA a cargo de los Sres. Vilagrán, de la Sección de Esperanto del Club de Amigos de la UNESCO de Barcelona.

---




Unu plian fojon, la Oficiala kaj Internacia Specimena Foiro de Barcelona eldonis propagandan afiŝon en Esperanto.

Ni dankas al la Direkcio de tiu grava Foir-konkurso, ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.

## Vª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

BILBAO "VILLA NOBLE"

Je la Km. 131-a de la franca limo, situas Bilbao, celo de la francaj kaj hispanaj esperantistoj pretaj partopreni en la V.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo, okazonta la 29-an kaj 30-an de junio kaj la 1-an de julio ĉijara.

Superflue estas paroli pri Bilbao, la nuntempa urbo tiel malsama de la trankvila vilaĝo, kiun en la jaro 1300 fondis Don Diego López de Haro, Sinjoro de Bizkaja. Vilaĝo ĉirkaŭita de rondira vojo por ĝin defendi. Ekstere, etendiĝis kampo ĉiam verda, kaj montoj kovritaj de kverkaroj, kie dum la nokto ululadis la lupoj.

Sed... la popolo de Bizkaja estis industria, mara kaj komerca; laborema, honeste riĉa, kaj bonkutima, kiu rapide kaj konstante aliigis sian ĉefurbon, unue, en la "Villa Noble", kiel ĝi estis nomita de la Reĝo Fernando en 1475-a jaro, kaj fine, en la gravan urbon, kiun ni povos viziti dum nia restado en ĝi okaze de nia internacia esperantista renkontiĝo.

Kvankam la programo ne estas ankoraŭ fiksita, mi estas certa ke ĝi estos ege interesa; dum tiuj tagoj okazos: Akcepto en la Grupo Esperantista de Bilbao; Kultura aranĝo, plej eble kun teatra prezentado; koncerto; vizito al la Muzeo Etnológico Vasco; simbola sangdonado en la Hospitalo; Oficiala Akcepto en la Urbodomo; vizito al la Baziliko de N. S. de Begoña, kie okazos meso en Esperanto; ekskurso tra la marbordo ĝis Guernica, kie ni tagmanĝos, kaj vizito al la Kavernoj de Santimamiñe, altira loko kie ni povos admiri surrokajn pentraĵojn de antaŭ 30.000 jaroj.

La ekskurso okazos la 1-an de julio, dimanĉon, tiamaniere, ke, kiuj veturos per aŭtomobilo kaj deziros forlasi Bilbao-n tiun tagon, povos pluveturi ne revenante al la urbo.

En venonta numero de BOLETIN aperos definitiva programo, kaj ankaŭ en tiu numero ni informos pri la prezo



de la partopreno en la diversaj aranĝoj kaj plej eble ni informos ankaŭ pri la prezo de la loĝado en Studenta Restadejo.

Kvankam ĉi tiuj sinsekvaj internaciaj renkontiĝoj estas organizitaj de francaj kaj hispanaj samideanoj, ankaŭ alilandaj esperantistoj estos bonvenaj; do, ni esperas la partoprenon de ĉiuj samideanoj, kiuj dum tiuj tagoj ferios en Hispanujo.

Kiuj deziros pli fruajn informojn ricevos ilin:

En Bilbao, de S-ro José Luis Bringas, Sekretario de G.E.B., Barrencalle Barrena, 7, BILBAO-5.

En Zaragoza, de Hispana Turisma Esperanto-Sekcio, ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, ZARAGOZA.

## ALICANTE

### DUONVOĈA MEDITADO
(Okaze de la Zamenhof-tago)

Kiel jam tradicie, esperantistoj kunvenas je unu el la plej proksimaj datoj de la dek-kvina de decembro por celebri la naskiĝon de D-ro Zamenhof.

En mia loĝloko la respondeculoj de la Grupo, kelkajn tagojn antaŭ ĉi tiu datreveno sciigis al ĉiuj membroj kaj simpatiantoj la daton, horon kaj lokon de nia kunveno.

Ĉi-jare, preskaŭ ĉiuj havis motivojn, pli malpli pravigeblajn, por ekskuzi sian foreston. En la difinita tago ĉeestis nur dek du, t. e. malpli el la duono de la nombro antaŭkalkulita.

Ĉi tiuj cirkonstancoj, la medio, la celo, la tuto, inklinis min al meditado; kaj ŝvebe, kvazaŭ movate de interna, mistera forto, mense, mi faris komparan paralelon, kaj laŭ jena sinsekvo mi konstatadis...:

Zamenhof kreis Esperanton por ke la homoj amu unu la alian; lia verko, do, havis kiel bazon la Amon.

Kristo estas la Amo personigita.

En ĉi tiu nokto kunvenis dek du membroj.

La apostoloj, unuaj adeptoj de Kristo, estis ankaŭ dek du.

Kristo estis judo.

Zamenhof ankaŭ.

En ĉi tiu nokto preskaŭ ĉiuj ekskuzis sian foreston.

En la parabolo de la reĝida nupto (vdu. Biblion, Mt. 22, 1-14) ĉiuj invitito j pretekste prezentis plej "konvinkajn" argumentojn por ne ĉeesti.

Kristo ĉiam uzis ordinarajn homojn por siaj eksterordinaraĵoj.

Apud mi, ĉe la tablo, unu el la kunmanĝantoj, parolante pri Esperanto flustris: "ĝenerale, eksterordinaraj homoj ne venas al niaj vicoj; estas la idealistoj, la pac-amaj, nemalicaj, eĉ iom naivaj personoj, kiuj venas kaj... persistas".

Kristo ĉiam uzis saman metodon: uzis plej ordinarajn homojn por disvastigi sian doktrinon. Kaj nun, el ĉi tiu malfavora evento, Li donis al mi materialon por duon-voĉe mediti pri ĉi tiu reva, kompara paralelo.

Pro tio, se eĉ ne multaj venis, eĉ se mankis la vigla bruo estigita de la abundeco de babilemuloj, dankon al Ĉi bona Dio, dankon al Ĉi Zamenhof, ĉar neniu el vi bezonas la kvanton, sed la kvaliton.

*M. López Serna*

## BARCELONA

### OMAĜE AL D-RO ZAMENHOF

La barcelonaj esperantistoj honoris la 113-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, kaj samtempe ili festis la Tagon de la Libro en Esperanto. La arànĝo okazis en la sidejo de "Club de Amigos de la UNESCO".

La 16-an de decembro, je la 8-a vespere, nia laŭreata poeto Gabriel Mora i Arana prelegis en Esperanto pri "Idealismo kaj Utopioj". Per sia karakteriza flueco kaj bona stilo, nia samideano prezentis la temon de sia prelego tiel konvinke kaj klare ke la publiko, kiu plenigis la salonon sekvis kun vera intereso la disertacion, kaj je la fino aplaŭdis entuziasme kaj fervore.

Tuj sekve, S-ro José Gómez Ibars parolis pri "Esperanto kaj UNESCO". Li bone kaj amplekse konigis al la interesita publiko, la rilatojn inter UEA kaj UNESCO pro samcelaj direktoj al internacia interkompreno kaj paco. Fortaj aplaŭdoj premiis lian intervenon.

Fine, nia samideano Ludoviko Fornés per siaj protestaj kaj belaj kanzonoj regalis al la ĉeestantaro gajan festofinon. La arto de nia samideano kaptis la animon de la aŭskultantoj, kiuj entuziasme aplaŭdis je la fino.

Kiel ĉiujare, je ĉi tiu dato, oni prezentis en la salonoj de la Klubo, tre interesan kaj ampleksan ekspozicion de libroj, diskoj, revuoj kaj gazetoj. Ĝi estis tre vizitata, ne nur de esperantistoj, sed ankaŭ de interesitoj pri la Internacia Lingvo, kiuj povis admiri verajn juvelojn de la tutmonda literaturo en Esperanto-traduko, kio bone kaj efike interesigis la vizitantojn pri la Internacia Lingvo.

## MADRID

En la Centra Oficejo de Hispana Esperanto-Federacio, la esperantistoj de Madrid kunvenis por honori la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, la 14-an de decembro, vespere.

La aranĝo estis organizita de la estraro de H.E.F., kaj ĝi konsistis el tre interesa prelego de S-ro José M.ª González Aboín, Vicsekretario de la Federacio, kiu parolis pri la temo Esperanto.

S-ro González Aboín, tre bone dokumentita pri la temo de sia disertacio, tiel bone kaj klare prezentis ĝin, ke la publiko, kiu plenigis la salonon tuj estis kaptita de la intereso de la temo, kaj je la fino premiis la intervenon de la preleginto per tondra aplaŭdado.

Je la fino, la madridaj samideanoj kunvenis en centra restoracio, kie ili partoprenis en frata vespermanĝo.

## SABADELL

### ZAMENHOF-FESTO 1972 DE CENTRO DE ESPERANTO SABADELL

Centro de Esperanto Sabadell digne honoras la datrevenon de la naskiĝo de Zamenhof. Ĉiujare ĝi omaĝas la Majstron kaj samtempe organizas sukcesan tagon de la libro en Esperanto.

Nunjare, krom la prezentado de la "Fluganta Ekspozicio" sur la promenejo "General Primo de Rivera" la dekan de decembro, en la deksepa de la sama monato okazis publika festo en la Aŭditorio de "Bellas Artes", kiun ĉeestis grandnombre, esperantistoj de Sabadell kaj aliaj urboj.

S-ro Llibert Puig, Prezidanto de Centro de Esperanto Sabadell, per salutvortoj malfermis la publikan feston kaj sekvis, kiel festparolado, lia prelego pri La Tago de la Libro en Esperanto.

Li reliefigis la gravan rolon de la libro en Esperanto por vastigi nian kulturon kaj ankaŭ por la praktikado de la lingvo.

"Legante ni praktikas la lingvon kaj se per tio ni ne atingas tutan perfektecon, almenaŭ ni sukcesas en la kapableco dece interkompreniĝi kun eksterlandaj esperantistoj."

"Eminenta esperantisto en la Universala Kongreso de Madrido plendis pri la malalta nivelo de la lingvoscio, kiun atingis la enlandaj esperantistoj, sed indulgis la katalunojn, ĉar ordinare tiuj bone parolas Esperanton."

"Ni devas perfektiĝi en la lingvoscio kaj por tio la aĉeto de libroj tra la tuta jaro estas konvenaĵo. Esperanto estas viva lingvo kaj ĉi tion ni devas atesti al la neesperantistoj."

"Per la teatraĵo, kiun hodiaŭ oni ludos, ni vidos, ke Esperanto vere estas viva lingvo. Ni devas konvinki la neesperantistojn pri tio, ke nia lingvo estas pli bona ol la aliaj."

Sekve S-ro Joan Sala, kiel delegito de "Rondo de Esperantistoj Libro-Amikoj" pretigis la disdonadon de libroj. Li menciis, ke en la nuna jaro, proklamita de Unesko internacia jaro de la libro, ili klopodis akiri pli da libroj ol en la antaŭaj: "En la kvar jaroj, dum kiuj funkcias la Rondo ni atingis altigi la aĉetadon de libroj: de 4.000 pesetoj en la unua jaro ĝis 15.000 en la nuna."

Post la disdonado de libroj, S-ro Rafael Devis komentariis la projekciojn de diapozitivoj pri Usono, rilate sian ĉeeston ĉe la Universala Kongreso de Esperanto en Portland.



Sur la ekrano aperis bildoj de grandega magazeno en Portland kaj belegaj akvofaloj, monto kovrita de neĝo kaj praaj arbaregoj de ties ĉirkaŭaĵo. La projekcioj sekvis la vojaĝon tra Usono. Ni vidis naturkolorajn bildojn pri San Francisco, Disneylando, Las Vegas, New Orleans, Miami, Washington kaj la tieaj monumentoj al la Nekonata Soldato kaj al la Prezidanto Lincoln.

La projekciado finiĝis per la vidoj de New York kaj la Palaco de la Unuiĝintaj Nacioj.

S-ro Llibert Puig eksplikis la kernon de la tuj ludota teatraĵo "Verda aŭ Nigra" kies roluloj estas la Junulara Trupo de Centro de Esperanto Sabadell. "Verda aŭ Nigra" temas pri la ofte ĝenerala malkompreno fare de la socio pri persono kies meriton oni ne rekonas.

Personon tre inteligentan, oni kondamnas kiel utopiiston, kvankam tiu estas homo, havanta pli klaran vidon pri la mondo ol la aliaj. Tiu persono vidas la verdan koloron nigra kaj tiun kontraŭas la patrino, amiko, la fianĉino, la patro, la fratino, pordisto, policisto, oni en la instituto, en la laborejo, en la klubo, en nova laborejo kaj en la aŭtobuso. Sekve de tiuj mortigaj afliktoj fine en la apologo estas konstatite, ke post cent jaroj ĉiu proklamas, ke la verda koloro estas nigra!

Post la prezentado de la teatraĵo, Raymón Chic, nia magiisto samideano surprizis nin per siaj magiaj ludoj.

Ekster la anoncita programo la junulo Luis Fornés regalis nin per siaj kanzonoj kun gitarludo. Li verve kantis, kun bela voĉo kaj klara prononco, laŭ moderna stilo katalune kaj esperantlingve, poeziaĵojn muzike aranĝitajn de li mem. Ni aŭguras ke li baldaŭ alte elstaros kiel brila stelo inter la plej famaj kanzonistoj.



S-ro Luis Serrano en la nomo de la estraro de Centro de Esperanto Sabadell fermis la ĉijaran omaĝon al Zamenhof.

La festotago finiĝis per frateca kunmanĝado; kaj sukcese ĉiam antaŭen...

*G. M.*

## VALLADOLID

### LA ZAMENHOFA FESTO EN VALLADOLID

Unu plian fojon, kaj pli entuziasme ol antaŭe, la Grupo "Fido kaj Espero" celebris la 15-an, 16-an kaj 17-an de Decembro, la diversajn aranĝojn omaĝe al la kreinto de Esperanto D-ro Zamenhof.

La 15-an je la 8,30 p.m. la Vicprezidanto de la Grupo S-ro Gamboa kaj Sánchez prelegis hispane pri "Zamenhof kaj la Internacia Lingvo". En la granda salono plena je geanoj, la Sekretario prezentis la prelegonton kiu komencis sian paroladon menciante la babelturon kiel simbolon pri tio, ke neniu entrepreno povas prosperi sen kompreniĝo. Li daŭrigis, dirante: Ĉiam la homo klopodis interkompreniĝi kun aliuloj pere de internacia lingvo, kaj menciis la diversajn naciajn lingvojn kiuj iam estis, pro diversaj kaŭzoj, internaciaj.

S-ro Gamboa diris por fini la unuan parton de sia disertacio: "Estus tre nature ke ni, kiel hispan-parolantoj, volus ke nia lingvo estu la internacia, sed same volus homoj kies gepatra lingvo estas alia ol la hispana, kaj tiamaniere la mondo ne havus lingvon vere internacian. Sekve li rakontis al ni la vivon de D-ro Zamenhof kaj la diversajn eventojn kiuj havis rilatojn kun li.

La interesa kaj tre bone dokumentita prelego estis premiita per tondra aplaŭdado.

Sekve inter la ĉeestantoj oni lotumis diversajn esperantajn librojn.

La 16-an je la 8-a p. m. en salono de "Caja de Ahorros Popular", situanta en plena centro de la urbo, D-ro Gil Contreras parolis esperante pri "Utileco de la Internacia Lingvo". Post la prezentado farita de S-ro Gamboa, la preleganto rimarkis ke "la studado de

Esperanto estas pli taŭga ol tiu de la aliaj lingvoj, ne nur por la interŝanĝo de p. m., ktp., sed ankaŭ por la interamikeco kun alilandanoj" kaj li menciis sian restadon en Japanujo, kie la japanaj gesamideanoj afable kaj amike traktis lin. Li finis sian paroladeton kuraĝigante ĉiujn samideanojn al la konstanta uzado de la lingvo.

Poste li faris resumon en hispana lingvo por tiuj ĉeestantoj ne sciantaj Esperanton. Fine kelkaj ĉeestantoj demandis al D-ro Gil Contreras pri Esperanto kaj pri la japanaj kutimoj.

La 17-an je la 12-a matene, en Preĝejo de la Monaĥejo "Porta Coeli" Pastro Jonás Castro faris Meson en Esperanto kaj la ĉeestantaro fervore respondis en la esperanta lingvo.

Je la 1,30, en la sidejo, membroj kaj familianoj gustumis aperitivon donacitan de la Grupo.

Fine pli ol tridek gesamideanoj partoprenis fratan bankedon en centra restoracio.

Pri tiuj faroj informis amplekse la lokaj radioj kaj ĵurnaloj.

*L. Hernández*

## VALENCIA

Okaze de la 113-a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, la 15-an de Decembro, je la 8-a vespere, en la sidejo de la Grupo, okazis Leciono dediĉita al la vivo kaj verko de la kreinto de Esperanto. Per sia karakteriza kaj konvinka parolflueco, D-ro Herrero prezentis diversajn aspektojn de la vivo de D-ro Zamenhof, kelkaj el ili, ne sufiĉe konataj de la novaj esperantistoj. Ĝi estis interesa leciono por ĉiuj ĉeestantoj.

Tuj sekve, S-ro Soler prezentis kelkajn diapozitivojn pri diversaj internaciaj kongresoj de Esperanto.

La 16-an, je la 10,15 vespere okazis frata kunmanĝado en centra restoracio. La etoso estis ja frateca kaj oni tostis por la sukceso de Esperanto.

La 17-an, je la 11,30, en la Kapelo de la "Patronato de la Juventud Obrera", okazis Meso memore al la mortintaj esperantistoj. Ĝin diris kaj predikis en Esperanto Pastro José López. Dum ĝi, la lernantoj de S-ro Félix Navarro kantis ankaŭ en Esperanto.



Post la fino, la valenciaj esperantistoj kunvenis en strato D-ro Zamenhof, kie oni metis laŭro-kronon sur la strattabulon kiu surhavas la buston de la Majstro.

Kiel kutime, tuj poste oni vizitis la tombojn de konataj gesamideanoj, kiuj ricevis dafnan branĉeton, kiel atestilon de daŭra memoro.

## ZARAGOZA

Kiel ĉiujare la esperantistoj de Zaragoza, la 15-an de decembro, vespere, kunvenis en la sidejo de "Frateco" por festi la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. La Frateco-anoj regalis la kunvenantojn per hispana vino kaj manĝetoj. Dum la festo oni aŭdigis diversajn diskojn kaj sonbendojn en Esperanto.

La 16-an vespere, kiel tradicie, la esperantistoj kaj simpatiantoj, kunvenis en centra restoracio por partopreni en frata vespermanĝo.





## DESTACADA APERTURA DE CURSO DE ESPERANTO EN VALENCIA CON LA PARTICIPACION DE DOS JAPONESAS ESPERANTISTAS

Los cursos que todos los años en Octubre organiza el Grupo de Valencia, y en los cuales con extraordinario éxito imparte la enseñanza del Esperanto y sus bondades, el insigne Doctor Herrero, con su método simpático y mnemotécnico, animoso para los alumnos puesto que casi no hay que estudiar, solamente "jugar" a base de frases "barrocas", este año se ha visto concurridísimo (y así continúa en su marcha actual), con más de cuarenta jóvenes, señoritas y muchachos muy interesados y entusiastas por la facilidad del Esperanto.

Coincidiendo con la apertura de curso, y encontrándose por aquellos días en Valencia dos japonesitas esperantistas, que tras su asistencia al Congreso Universal de Portland (USA), están realizando un viaje alrededor del mundo, presenciaron la docta primera lección y amena charla del Doctor Herrero, animando el acto con la presentación de trajes y bailes típicos del Japón, degustación de té, danza de los abanicos..., y hasta conversando "por señas" con los futuros alumnos y proporcionándoles el deleite y admiración e interés de ver la facilidad con que ellas conversaban con los esperantistas o alumnos de los cursillos últimos que asistieron a la velada.

Estas jóvenes japonesas, Yoko Tanaka y Fusako Matsushita, están realizando su viaje sin saber otro idioma más que el Esperanto, aparte del propio, y habían visitado ya las Islas Hawai, Estados Unidos, Canadá, Inglaterra, Holanda, Noruega, Alemania, Francia, Portugal, España (Valencia y Barcelona), y desde aquí, iban a Italia, Suiza, Austria, Rusia y..., con el Transiberiano, a su patria y hogar.

Por el exotismo de sus vestidos, juventud y atractivo, fue muy celebrada su presencia en Valencia, apareciendo la noticia de los actos esperantistas en todos los diarios locales, que comentaron muy favorablemente, según habían podido comprobar, la utilidad del idioma internacional auxiliar Esperanto, para las relaciones humanas a través de las fronteras. La emisora de Radio "La Voz de Levante", en un espacio especialmente dedicado a la visita de las japonesas, hizo una entrevista, por la cual, toda la región valenciana se enteró de las posibilidades del Esperanto para el turismo internacional.

Raportis: *Filo de "Avo Ferdinando"*

# ELEMENTA KURSO DE ESPERANTO EN VALLADOLID

La Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero", kiel kutime, ĉijare aranĝis Elementan Esperantan Kurson post multe da informado pere de la lokaj Radiostacioj kaj ĵurnaloj, kiuj en nia urbo, ĉiam estas pretaj informi pri nia movado.

La 6-an de Novembro, je la oka kaj duono vespere, okazis la inaŭguro de la kurso en nia sidejo, kun prelego fare de S-ano Angel Díez García, prezidinto de nia Grupo kaj estrarano de H.E.F., kiu parolis pri Esperanto kaj ĝia graveco en la aktualaj internaciaj rilatoj.

Unue, la nuna Prezidanto S-ano Gonzalo Castañón Marcos, salutis la ĉeestantojn, kaj prezentis la prelegonton, kaj petis pardonon pro la manko de lokoj, ĉar la salono estis plenplena, kaj eĉ multaj gesamideanoj devis aŭskulti starante. La parolado de S-ro Díez estis aŭskultata kun granda intereso de ĉiuj, kiuj je la fino aplaŭdis multe al la preleginto.
Poste, por ke la novaj gelernantoj konstatu la sonon de nia internacia lingvo, ili aŭskultis per sonbendo salutparoladojn el diversaj nacioj okaze de Universala Kongreso.

Je la fino, aŭskultinte la Himnon, la gelernantoj iris en apudan salonon kie Bibliotekisto S-ano Jacinto Urueña estis pretiginta ekspozicion de instruaj libroj por ke ili povu vidi la variecon de materialo kiun ni posedas, pri Gramatikoj, Vortaroj de diversaj aŭtoroj, k.t.p.

La kurso kaŭze de la multnombraj novaj gelernantoj, devis esti dividita en du grupojn. Unu kurso estas gvidata de S-ano Mauro López Nalda (kiu ankaŭ gvidis la pasintan jaron) kaj la alia kurso de S-ano Luis Hernández García, nuntempa Sekretario de la Grupo. Ambaŭ kursoj okazos lunde, merkrede kaj vendrede de la oka kaj duono ĝis la naŭa kaj duono vespere.

Do, granda sukceso por Esperanto en nia urbo.

*M. R. Urueña*

*La Esperanta gazetaro de la lastaj monatoj alportis sortimenton da komentindaj novaĵoj frivolaj kaj seriozaj. Kiel en la vivo mem, ili miksiĝas senorde en ĉi tiu rubriko, kiu volas esti angulo distra kaj informa, sed ankaŭ meditiga.*

En ESPERANTO, n.° 805 (1), januaro 1973, legiĝas: "Dum pluraj jaroj Tokia Esperantista Junulara Asocio estis la elstara junulara rondo en Japanujo; ĝi havis inter 200 kaj 300 membrojn, kiuj gvidis aron da kursoj, organizis renkontiĝojn kaj eĉ eldonis regulan organon; pro ideologiaj diferencoj kaj aliaj internaj problemoj bedaŭrinde la asocio likvidiĝis meze de la jaro 1972".

Kio okazis al la Tokia Esperantista Junulara Asocio, tio sama povas okazi al aliaj neŭtralaj Esperantaj organizaĵoj, al UEA mem, se oni permesas en ili la publikan manifestiĝon de tendencoj de iu ajn politika ideo. Ĉu oni ne povas politikadi *ekster* la kadro de neŭtrala asocio, kaj laŭplaĉe ataki aŭ defendi ĉion en la diversaj organoj partiecaj ekzistantaj ankaŭ en la Esperanta movado? Neŭtrala asocio devas esti fakte neŭtrala kaj ne fari distingojn pli malpli subtilajn de politika karaktero, montrante sin intence daltonisma pri iuj koloroj kaj tro akravida pri aliaj.

---

Brazilo ĉiam estis lando de kompetentaj esperantistoj: Porto Carreiro, Carlos Domingues, G. Mattos, Knoedt, Nogueira... Nun mi devas mencii kun ĝojo ankaŭ la nomon de alia talentulo: Geraldo Pádua, kies kunlaborado en BRAZILA ESPERANTISTO montras profundan konon de nia lingvo. Lastatempe, Geraldo Pádua aperigas popece en sinsekvaj numeroj de BRAZILA ESPERANTISTO eksterordinaran vortaron, kie la diversajn nuancojn de ĉiu radiko de sia nacia lingvo li klarigas nur per ekzemploj. Lia impona verko, frukto de multjara, ama kaj konscienca laboro, estas sekvenda ekzemplo por niaj vortaristoj. Geraldo Pádua ne evitas, sed iras rekte al la leksikologiaj, semantikaj malfaciloj de sia lingvo kaj ĉiam sukcesas eltrovi por ili trafan ekvivalenton Esperantan.

Pro la granda simileco inter la portugala kaj la hispana, ni povas konstati, kiel precize kaj ĝuste redonas Geraldo Pádua en Esperanton la diversajn nuancojn de ĉiu vorto. Jen ekzemplo:

> ACASO. 1. *Hazardo* (ne intenco) determinis tion; mi *hazarde* renkontis lin; mi renkontis lin *per hazardo.* 2. Iri *sencele* tra la stratoj. 3. Elekti ion *trafe-maltrafe*; preni ĉion *senelekte.* 4. *Ĉu* vi scias? *Ĉu* eble vi volas?

Varmajn gratulojn al Geraldo Pádua. Mi bedaŭras nur, ke lia vortaro ne povas aperi per unu fojo libroforme pro manko de financantoj, kaj ke oni ne entreprenas en kaj por la hispanlingva mondo similan utilegan laboron.

---

En NORVEGA ESPERANTISTO, n.° 4, 1972, aperas alvoko admona kaj instiga, sed kun ia nuanco rezignacia, eĉ kompatoveka, destinita al pasivaj, inertaj kaj apatiaj verd-stelanoj: "Ĉium aŭtunon ni ripetas la samon: la aŭtuno kaj la vintro estas la studsezono kaj la laborsezono de la esperantistoj. Ni devas studi, legi, kunveni, konversacii, korespondi, aĉeti librojn, membrigi aliajn personojn, verki artikolojn, informi, starigi kursojn, instrui, agadi... Ni vere petas vin tion fari ankaŭ en la nun venonta sezono. Ni ree petas. Kaj ni ripetas la repeton!"

Kaj ni ripetas, ke la repeto havos en Norvegio (kaj ĉie en Esperantujo) la kutiman efikon: nulan. Esperanto estas bela *ideo,* sed, kiel tede kaj laciĝe sin movi por fortikigi ĝian praktikan flankon! Ĉu ne, amikoj pasivaj, inertaj kaj apatiaj de la Esperanta... sidado?

---

ESPERANTO-GAZETO, de la Internacia Instituto por Oficialigo de Esperanto, ne plu eliros laŭ sciigo aperanta en la n.° 63-64, oktobro-novembro de 1972. Ne mirinde: ĝia ĉefredaktoro, Tibor Sekelj pretendis, uzante nur paperkanonojn, ke dissaltu la obstinaj baroj inter la popoloj dividitaj.

Kaj unu ĵusnaskito: JUNA AMIKO (internacia lerneja Esperanto-revuo). Por infanoj. La ideo estas bona kaj aplaŭdinda. Sed kial doni politikan tendencon al revueto por ĉiulandaj infanoj? Pablo Picasso estas ne granda franca artisto hispandevena, sed simple granda artisto hispana. Li ne ŝanĝis sian nacianecon, eĉ se jam de multaj jaroj li loĝas en Francujo.

---

HUNGARA FERVOJISTA MONDO, n.° 4, XVI jaro, 1972, citas alineon el prelego eldirita de la redaktorino de HUNGARA VIVO, Ada Csiszár, kies vortojn mi aprobas cent-procente: "La kono de la gramatiko kaj havo de granda vortotrezoro ankoraŭ ne estas lingvoscio. Sen idiotismoj, ĝi estas tro seka. Kiel ĉiuj lingvoj, ankaŭ Esperanto havas lingvajn proprecojn, kiujn oni devas uzi ne nur en la literaturo, sed ankaŭ en la ĉiutaga vivo. Principo de la perfekta lingvoscio estas la uzado de la diversaj frazeologioj: diraĵo, sentenco, proverbo." Kaj gratulegon ankaŭ al vi, sinjorino, pro la monumenta *Domfabriko*!

---

El SENNACIULO, n.° 12, 43-jaro, decembro 1972: "En la Esperanto-movado, kiel en aliaj movadoj, ofte la edzino estas la konservativema, praktika ulino, kiu influas la edzon, ke li ne malŝparu tempon kaj energion en afero, kiu ne helpas solvi problemojn en la familia buĝeto. Tial ni ĉiam esperas, ke niaj junuloj edziĝos nur al virino scipovanta la internacian lingvon. Citeblaj estas virinoj, kiuj partoprenis kurson, nur ĝis ŝi "trovis sian viron" kaj ne plu poste." Ĉi tiujn vortojn subskribas M. Starr.

De nun, ĉiu junulino deziranta ĉeesti Esperantan kurson devus sin submeti al rigora enketado de la gravuloj de la koncerna rondo, ĝis ili konvinkiĝus, ke ŝi ne venas al la lingvo kovante la nekonfesindan projekton strategie kaj taktike manovri kontraŭ la fraŭla stato de la kunlernantoj.

Rilate al la jam edziĝintaj verd-stelanoj, nu, la afero prezentiĝas vere senhelpa, kio donas duoblan meriton al nia laboro. Eble Zamenhof pensis pri tiu aspekto de la vivo de edzo-esperantisto, kiam li petis en *Preĝo sub la verda standardo:* "Donacu vi forton al nia fervoro, ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj, nin tenu kuraĝaj".

Ĉi tiu "kontraŭ-Esperanta hirtiĝo" de la edzinoj havas longan tradicion. Jam en 1913 aperis en Moskvo originala novelo de A. A. Saĥarov, *Superforta ambicio,* kie la esperantisto Paulo Petroviĉ, "por ne inciti la edzinon sin okupis per Esperanto pli kaŝe". Ho ve, amiko Starr, la karaj edzinetoj —kun honorindaj esceptoj, kompreneble— ĉiam formis kaj formas la kvinan kolonon en la hejmoj de la esperantistoj! Ve al ni, subpremata minoritato!

---

La hungaro B. Golden diras en HEROLDO DE ESPERANTO, n.° 16 (1533), de 1-11-1972: "Estas ĉiam danĝere troigi la simplecon kaj klarecon de Esperanto. Tia misinformado povas nur malefiki kiam estiĝas memevidentaj kontraŭdiroj... Mi deziras substreki, ke oni devas atribui logikecon kaj klarecon de esprimopovo, ne al la strukturo de la lingvo, sed al la homoj, kiuj uzas ĝin. Bona verkisto aŭ oratoro kapablas manipuli iun ajn lingvon. Male, nubcerbulo verkante aŭ parolante en Esperanto povas vortigi la plej nekonsekvencajn stultaĵojn, spite la ŝajne logikan strukturon de la lingvo".

Ke B. Golden pravas, montriĝas, kiam oni legas, pli ofte ol oni dezirus, la "logikan" Esperanton de multaj artikoloj, poemoj... kaj eĉ de tutaj kaj dikaj romanoj verkitaj de fuŝpensaj nub-cerbuloj.

---

Al NOVZELANDA ESPERANTISTO, n.° 366, 5-1972 kaj al vic-prezidanto de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio, E. R. Dearnley, ni ŝuldas la jenan humuraĵon: Eta muŝo ne kuraĝis preni fromaĝon, ĉar ĝi timis, ke la kato estas tie en la mallumo. Sed apude sonis bojado, kaj la muso diris: "Ha, kie estas hundo, tie ne estas kato". Kaj ĝi kuris al la fromaĝo.

Kaj la kato diris, glutante la muson: "Vere, tre valoras lerni fremdan lingvon!"

Kaj, kiel kutime, ĝis la proksima revu-rikolto vin salutas kore,

***F. de Diego***

## *Ni legis por vi...*

¿HABLA USTED ESPERANTO? Ergoto de Bonaero. Curso básico completo de la Lengua Internacional. Dinámico y Moderno. Kun bildoj de la aŭtoro. 180 paĝoj. Prezo: 2 $.

La metodon de Ergoto mi skizus tiel, prenante la unuan el la 20 lecionoj kiel ekzemplon:

1-e Bildoj diversaj kun la esperanta nomo sub ili.

2-e Bonhumora interparolo, el demandoj kaj respondoj.

3-e Vortareto.

4-e Klarigaj notoj, per kiuj la aŭtoro instruas grade pri gramatikeroj.

5-e Traduktekstoj.

Kompletigas la libron la Argentina Himno, La Espero, Se, (versaĵo ricevinta la premion Nova Talento), La Hundo kaj la Flakono (de Baudelaire) listo de Esperantaj proverboj kun traduko hispanlingva, du prozaj tekstoj kaj fine, 15-paĝa vortareto, tre oportuna por lernantoj.

Al klera lernanto, ĉia metodo estas taŭga. Sendube oni povas lerni la lingvon laŭ diversaj vojoj, kaj ne estas ankoraŭ decidite, kia estas la plej bona. Tial mi ne juĝas nun tiun flankon de la libro, sed turnas la rigardon al tiuj detaloj, pri kiuj la uzantoj estas avertindaj. La plej firma bazo de la lingva unueco estas la ĝenerala, absolute egala gramatikinstruado per la lernolibroj.

Estas ruinige por Esperanto, se la libroj per kiuj oni instruas kaj lernas ĝin, trompas unuope eĉ se nur pri unu punkto la kredeman lernanton. Mi memoras pri juna germano (antaŭ 50 jaroj) kaj pri jam nejuna belgino (antaŭ unu jaro) kiuj *tre konscie* la unuan silabon de Eŭropo prononcis per ne Esperanta sono. Tial mi supozas, ke ia falsa instruado koviĝas ie, kion ni devas nepre eviti. Personajn preferojn oni gardadu en sia kokoso kaj ne ŝovu ilin en lernolibrojn!

La verko de Ergoto ne ŝajnas al mi sufiĉe matura. Tralikas la influo de la hispana. La jam tradiciajn personajn nomojn: Ferdinando, Suzana, Teresa, Helena, la aŭtoro skribas: Fernando, Susana, Teresa, Elena; la vorton *imagu* p87, li skribas *imagu al vi* (imaginate); *sezonoj* li skribas *jarsezonoj* (estaciones del año); "Dum la kelnero iris *serĉi* la kafon" p75 (serĉi = buscar. Li iris *porti* la kafon); "Sabate li iras *vidi* Dianan" p59 (ne temas pri vido; li *iras* al Diana); "lasi leteron sen respondo" p59 (ne respondi leteron); "La krajono *estas* sur la tablo" p12 (*kuŝas* sur la tablo [Z]).

La participojn Ergoto instruas malĝuste, preteratentante la plenan agon en preterito, kio estas la kerno de l'particip-problemo. Pĝ 101: "Kiam oni salutis min, la fenestro estis fermita de mi" (= jam fermita). Pĝ 102 "La leteroj estis legitaj de li kiam ŝi revenis" (jam legitaj).

Aliflanke, p92 "nefermita = entornada; duonfermita = semicerrada; malfermita = abierta". Tro bele! "Nefermita letero" (Z) = oni ne fermis ĝin = carta abierta. "Malfermita letero" = ĝi estis jam gluita kaj oni malfermis ĝin = carta abierta.

Pri la futuro, ne pli klare. Pĝ 105, li diras ke "Li konstruos domon" = "Domo estos konstruota de li". La aktiva formo de tiu-ĉi estas "Li estos konstruonta domon", kio ne respondas ekzakte, tute ne, al la unua "Li konstruos domon", kiu signifas plenan agon same kiel la preterita "Li konstruis domon". Kompreneble, la preterita estas fakto, dum la futura nur povas esti fakto latenta, iel reala en la intenco.

Pli grave estas kiam la eraroj havas karakteron de reguloj. El la Espero p153: "muroj de miljaroj" = milenios. Ergoto diras: (La forma correcta es *jarmiloj* pero por necesidad de obtener la rima, el vocablo aparece invertido). Tio estas misinstruo. Zamenhof diris *centjaro, miljaro,* t.e. signife, "O, kiu estas *centjar'*, O, kiu estas *miljar'*. Triangulo tute ne estas angultrio, nek Tridento estas tri dentoj!

Dua misinstruo, pri la landnomoj. Pĝ 111, dum li diras ke oni aplikas la sufikson UJ al nomo de gento por havi la landon, li asertas ke Kafujo povas esti la lando de la kafo, kvazaŭ kafo estus persono. Plie: "Anglujo estas loĝata de angloj, (Pero ingleses nativos, pues si se trata de un extranjero que habita allí, se dirá Anglano: Ne ĉiu anglano estas anglo!) Li devus diri: Ne ĉiu anglujano estas anglo. Kompletigas la ĉikanon la vortoj Hispanio, Francio kaj Kompanio, pri kies neoficialeco Ergoto silentas.

Kontraŭ la 4a Fundamenta Regulo li instruas apliki akuzativon al numeralo UNU, p63: "Mi kunsendas *unun*". En la 5a Regulo li forigis la pronomon CI, nome, li eltiris ŝtonon el la Fundamento. Kontraŭ la kutima libereco, p78, oni devas diri *ĉi-tie* kaj ne *tie-ĉi*. Alian

surprizon ni havas en p62: "Las formas *ĉiom* kaj *neniom* son poco usadas y en su lugar se usa *ĉio* kaj *nenio*: ĉu vi havas monon? Puede responderse: Ne, mi havas *nenion*". En Esperanto, la respondo estas: "Ne, mi ne havas".

Pri la prepozicio EL, p110: "*EL* señala la acción concluida"; tamen ne mankas en la libro la fifama prefiksa *fin*: p108 finlernas, p110 finlerni, p152 finatingis.

Aliaj detaloj meritas pritrakton, sed jam sufiĉas. Nematuran lernolibron ne povas pravigi entuziasmo, kaj mi ne bezonus elpinĉi dornojn se la libro estus antaŭe reviziita de kompetentuloj. Ni esperu, ke dua eldono post trapoluro, liveros al la hispanlingva popolo ŝatindan lernilon.

*Salvador Gumá*

**PRINTEMPO EN LA AŬTUNO**, originale verkita de Julio Baghy. Fotorepreso. Eldono de Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 116 paĝoj. 14 × 19 cm. Prezo:

Julio Baghy estas unu el niaj elstaraj Esperantaj aŭtoroj, klasika jam en nia literaturo kvankam li forpasis antaŭ nur kelke da jaroj. Tre populara inter la esperantistoj, tiel pro sia personeco kiel pro siaj verkoj prozaj kaj poeziaj, Baghy, majstro de la lingvo, lasis en nia beletra historio plenmanon da titoloj de daŭra valoro. Lia *Printempo en la aŭtuno*, aperinta en 1931, temas pri idilio inter studento kaj filino de foir-arlekenoj, kaj ĝin oni tradukis en la hungaran, francan kaj ĉinan. Ankoraŭ vivis Baghy kaj jam oni riproĉis al li liajn oftajn stumblojn en bombaston, en gurditan kaj nesinceran patoson, en sirope dolĉan romantikismon. Kelkaj tiaj mankoj videblas en *Printempo en aŭtuno*, kie du maljunaj arlekenoj pedante retorikumas per alt-flugaj konceptoj, kaj kie du senspertaj gejunuletoj parolas pri la vivo kaj la amo kun la profunda scio de saĝuloj.

Tamen vere valoras la penon atente tralegi la romanon, eĉ se nur por gustumi ĝian riĉan lingvon kaj la irizan brilon de ĝia stilo.

*F. de Diego*

INFANOJ EN TORENTO, originale verkita de Stellan Engholm. Fotorepreso. Eldono de Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 100 paĝoj. 14 × 19,5 cm. Prezo:

Ĉi tiu stile sobra kaj eleganta romano de Stellan Engholm aperis unuafoje en 1934 kaj duafoje en 1939 kaj havas almenaŭ lingvan kaj historian valoron.

Kvar infanoj, Johano kaj Arne, Ajna kaj Greta, iom post iom konstruas al si sian propran mondon, ricevante la kompleksajn kaj ofte kontraŭajn influojn de la hejmo, de la socia kaj sociala medioj, de la amikoj, kaj de siaj instinktoj kaj naturaj inklinoj. La infanoj komencas sperti la unuajn batojn kaj ĉagrenojn de la vivo kaj sentas konfuze, ke ili proksimiĝas al la travivado de pli dolora, maturiga metamorfozo.

"En pasintaj printempoj ili estis ĉe fajroj en la valo. Estis ludo tie kaj gajaj krioj el plenaj gorĝoj. Sed nun ili ne sentis tiun plezuron. Ili staris silentaj, rigardante la ludon de la flamoj kaj la seriozajn vizaĝojn unu de la aliaj", diras la aŭtoro ĉe la fino de la romano.

Engholm priskribas al ni difinitan medion socian kaj socialan de la Svedujo de antaŭ nur kvardek jaroj; sed ĝi ŝajnas al ni tiel malproksima kaj fremda kiel ia antikva civilizo. La libro do danĝere oldiĝis sed, kiel dirite, ĝi konservas ankoraŭ la allogon de sia stilo kaj de sia dokumenta karaktero pri epoko jam tre fora, eĉ se ankoraŭ proksima.

*F. de Diego*

JUNULOJ EN TORENTO, originale verkita de Stellan Engholm. Fotorepreso. Eldono de Dansk Esperanto Forlag, Abyhoj, Danlando. 144 paĝoj. 14 × 19,5 cm. Prezo:

Dua parto de *Infanoj en Torento*. La infanoj Johano kaj Arne, Ajna kaj Greta fariĝas gejunuloj kun aliaj zorgoj kaj sopiroj, kiam jam la mondo komencas sian ĉiorenversan revolucion ankoraŭ ne finitan. "Etiopujo falis, eksonis jam la unuaj pafoj de nova batalo en Hispanujo..." La sama stilo sobra kaj eleganta, la sama Engholm. Leginda romano do pro la samaj motivoj.

*F. de Diego*

KAT VIVAS, de Jytte Lyngbirk. Eldonigis Gudrun Riisberg. Lingva kontrolo de la Literatura Komitato de S.A.T. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 96 paĝoj. 14 x 21 cm. Prezo:

Estas amuze, kaj amare, kompari la gejunulojn el Torento kun la gejunuloj el *Kit vivas*. Eĉ se la unuaj ŝajnas kelk-okaze netolereble pedantaj kaj naivaj, ilin movis idealoj de persona etiko, kaj ili aspiris sincerkore al pli justa socia ordo. La gejunuloj de *Kat vivas* estas homoj iasence monstraj, ne nur pro sia senmoralismo, sed ĉefe, ĉar mankas al ili la freŝo kaj la entuziasmo de la juneco, kaj ĉar ili iras somnambule tra la vivo, sen ia nobla impulso, sen ia etika aŭ estetika idealo. La ĉefrolulino Kit havas nur deksep jarojn, estas jam graveda fraŭlino, fumas haŝiŝon, injektas al si drogon, sin ĵetis al la maro kun la espero sin mortigi... Kaj jen unu penso de la deknaŭjara protagonisto: "Momenton mi klopodis imagi ŝin en la tempo, kiam ŝi eklernis uzi la pilolojn aŭ la spiralon; sed mi tuj lasis tion, forgesis ĝin —preskaŭ. Estas ja ni du, kiuj vojaĝas kune: kial mi do bedaŭru la spertojn, kiuj nun ebligas al ni iri liten senzorge, sen kaŭzo por timo?"

Bona paro por altaro! Kaj efektive, Kit kaj ŝia amiko, kiu ne estas la patro de ŝia baldaŭ naskota ido, ŝajnas pretaj vivi daŭre kune. Kiel kaj kie? Nu, nia heroo havas la klasikan solvon: la gepatran hejmon. Li pensas denove: "Panjo diras, ke ŝi ĉiam deziris havi filinon. Sed se la bebo estus knabo, ŝi certe dirus, ke estas amuze denove havi knabeton. Tia ŝi estas.

"Post du tagoj ili venos hejmen. Kit kaj *nia* filineto."

Falas la kurteno. Fino.

Korekta, flua lingvo. Resumo pri la libro? Pornografia pilolo sukerita per hipokrita, neverŝajna romantikismo. Sed tio estas ja la modo nuntempa.

*F. de Diego*

ESPERANTO, LINGVO DE LA SPORTO, de Ralph L. Harry, eldonis Ludwig Pickel, Nurenbergo. Broŝuro 36-paĝa, 14,5 x 21 cm. Prezo:

Publikita okaze de la olimpiaj ludoj de Munkeno, la broŝuro enhavas serion de konversacioj en Esperanto, kun apudaj tradukoj en la angla kaj germana, temantaj pri diversaj sportoj.

Pri la utilo de ĉi tiu broŝuro mi forte dubas. Efektive, Esperanto estas ankoraŭ mizere paŭpera rilate al sportaj terminoj kaj esprimoj, kaj ne ŝajnas logike proponi al sportisto lingvon, per kiu, ni konfesu, li povus paroli nur tre supraĵe pri sia sporta fako. Unue ni kreu kaj provadu kompletan terminaron sportan kaj poste ni kolportu ĝin al la sportistoj. Ĉio alia estus antaŭtempa kaj rekte malutila.

Efektive oni hontinde ignoris en nia lingvo ĉi tiun gravegan aspekton de nia epoko. Esperanto nepre devas taŭgi en *ĉiuj* kampoj de agado, aŭ ĝi neniam sukcesos. Ni devus forgesi per unu fojo la erarigan miton pri la senlima naskipovo de la aglutina karaktero de Esperanto kaj anstataŭe serioze kaj sisteme krei, interalie, kompletan sportan terminaron. Kiel pene kaj kompatoveke devis ĵongli per plenmaneto da vortoj la tradukinto de 'Mi estas Pelé' por redoni en Esperanton apenaŭ povrajn, palajn, lignecajn ekvivalentojn de futbalajn esprimoj tute klaraj kaj ordinaraj en ĉiuj naciaj lingvoj! La futbalo estas pasio de milionoj da homoj en la tuta mondo... kaj Esperanto eĉ ne disponas ankoraŭ seriozan terminologion futbalan!

Nu, tiel bedaŭrinda situacio speguliĝas en ĉi tiu broŝuro, kies titolo estas —ĉu ironie?— *'Esperanto, lingvo de la sporto'* kaj kie, pro manko de necesaj vortoj, ripetiĝas dek tri fojojn la esprimo: bonan ŝancon!

F. de Diego

SENNACIECA REVUO 1972. Kajero 58-paĝa, eldonita de S.A.T., 67 avenue Gambetta, Parizo. Prezo:

De jaro al jaro *Sennacieca Revuo* pliboniĝas kaj progresas laŭ prezento kaj enhavo. La ĉi-jara numero, kun originala kovril-desegno de Septier, estas aparte interesa pro la valoraj kontribuoj de Bartelmes, Aarse, Bruins, Jäntti, Zille, Szathmari kaj Buzzati.

*F. de Diego*

## 58 Congreso Universal de Esperanto y Postkongreso Oficial

Belgrado 28/7 - 4/8, 1973 Atenas 5 - 12, 8, 1973

Viaje organizado por la Sección Esperantista Española de Turismo, en colaboración con la Delegación de Viajes MELIA, en Zaragoza.

28-7-73 BARCELONA. — Salida en avión clase turística hacia Belgrado (vía Roma). Llegada a Belgrado. Traslado en autocar desde el aeropuerto al hotel. Cena y alojamiento en el hotel.

29-7-73 al 3-8-73 BELGRADO. — Media pensión en el hotel. Días libres para asistir a los actos del Congreso.

4-8-73 BELGRADO. — Desayuno en el hotel. Traslado en autocar desde el hotel al aeropuerto. Salida en avión clase turista hacia Atenas. Llegada a Atenas. Traslado en autocar desde el aeropuerto al hotel. Cena y alojamiento en el hotel.

5-8-73 al 11-8-73 ATENAS. — Media pensión en el hotel. Días libres para asistir a los actos del postcongreso.

12-8-73 ATENAS. — Desayuno en el hotel. Traslado en autocar desde el hotel al aeropuerto. Salida en avión clase turista hacia Barcelona (vía Roma). Llegada a Barcelona.

Precio del viaje por persona: En habitación doble con baño: 25.795,— pesetas.

Para quien desee tomar parte solo en el Congreso en Belgrado y regresar a Barcelona el día 4, el precio es por persona: En habitación doble con baño: 17.930,— pesetas.

## NENECESA VORT-KUNMETADO

Laŭ la Fundamento de Esperanto: *La ĉefa vorto staras en la fino,* do akvofalo ne sencas kiel fal-akvo, nek vel-ŝipo kiel ŝip-velo, k.t.p. Tial, interalie, rapid-kurso (= kurso je rapido) ne ekvivalentas al rapida kurso, nek bondeziro (= deziro de bono) signifas ekzakte bonan deziron.

Jen la argumento per kiu konteste mi atentigis certan E-redakcion pri la nepravigebla uzado de adjektivo kaj substantivo arbitre kunigitaj.

Kvazaŭ responde, oni tamen oficiale agnoskis, ke pluraj tiaj kunmetaĵoj, kiuj cetere jam fariĝis tradiciaj barbarismoj en la lingvo, estas eraraj, ĉar ili ne konformas al Esperanta Vort-farado.

Do, ne estas imitinda eĉ se tradicia, ĉar malgûsta, la uzado de: novjaro anstataŭ nova jaro; bonveno por bona veno; grandpotenco anstataŭ granda potenco; k.t.p., interalie, pro la fakto, ke tiaj kapricaj kaj neniel necesaj kunligaĵoj de adjektivo kun substantivo povas plurfoje naski kunfuzon.

*V. Hernández Llusera*

## 58ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Beograd (Jugoslavio) de la 28.7 ĝis la 4.8. 1973
Sub la Alta Protektado de la Prezidanto de SFR Jugoslavio, Josip Broz Tito

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera Pedrals, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona), kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio Statistiko (21-12-1972).

Aliĝis entute 355 personoj el 33 landoj.

Konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 3002, Nederlando.

## 28ª KONGRESO DE SAT-AMIKARO

Okazonta de la 21.ª ĝis la 23.ª de aprilo 1973
en Lausanne (Svisujo)

Informas: J. Riviere, 26 Rue du Simplon, 1006 Lausanne (Svisujo).

## 46ª KONGRESO DE S. A. T.

Okazonta de la 30.ª 7. ĝis la 5.ª 8. 1973
en Toronto (Kanado)

Adreso: Esperanto P. O. Box 246, Station F. Toronto, Ontario, Kanado.

## 19ª INTERNACIA ESPERANTO FERIO - SEMAJNO

Esperanto-klubo "Unueco", Krommenie/Assendelft Nederlando.

Organizos denove de la 5.ª ĝis la 12.ª de Aŭgusto 1973, la 19-an Internacian.

Esperanto-Ferio-Semajnon. Ĝi nepre okazos!

Oni gastloĝas senpage, ĉe Esperanto-familioj.

Oni nur pagas por la ĉiutagaj ekskursoj. 150,— Ned. guldenojn aŭ 40,— dolarojn.

Ni prezentos belan programon.

Limdato de aliĝo ĝis la 15-a de junio 1973.

Informas: Esperanto-Klubo "Unueco" Krommenie/Assendelft Nederlando.

S-ino J. A. v.d. Meulen, Popelstraat 13 Krommenie, Nederlando.

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7. - ZARAGOZA
D. L. Z. - 375 - 63